**De Parizo ĝis Krakovo piede.** — Kvar diversnaciaj samideanoj: S-roj Devjatnin (ruso), Romano (turko), Cervos (hispano) kaj Urban (bohemo) interkonsentis iri piede el Parizo en Krakovon al la VIII-a Universala Kongreso, kaj dum la vojiro larĝege propagandi nian karan lingvon. Jen, efektive, estas triumfa marŝado! Kvar esperantistoj, reprezentantaj kvar diversajn naciojn, iras piede tra tuta Eŭropo, por viziti ĉiujn esperantistajn societojn, kiuj troviĝas en laŭvojaj urboj kaj urbetoj, propagandas Esperanton kaj fine venas en Krakovon kaj raportas al la Esperantistaro de la tuta mondo pri sia vojaĝo! Ni estas tute certaj, ke ĉiuj gesamideanoj turkore akceptos niajn vojaĝantojn.



*Krakovo. La altaro skulptita de Vit Stvoŝ.*

**Al la samideanoj de la tutmondo.** La ideo pri uniĝo nuntempe ĉiam pli enpenetras la konscion de la homaro. En ĉiuj landoj de la terglobo laŭtiĝas la predikoj pri la amo, universala paco kaj frateco de la popoloj. Ŝri Ramakriŝna en Hinduje, Tolstoj en Rusujo, Abbas-Effendi en Persujo kaj multaj aliaj laboradis kaj laboras ĉiuloke por tiu ĉi ideo.

De ĉiuj homoj, laborantaj tiudirekten, estas sentata la bezono je tutmonda presorgano, kiu servus por ili ligilo kaj estus ilia peranto. Ni — grupo de samideanoj — intencaj krei tian organon. Ĝia programo estos jena: 1) Progresamaj movadoj en religio kaj filozofio. 2) Plisimpligo de vivo kaj personamanlaboro. 3) Vegetarismo. 4) Agrara demando. 5) Libera edukado. 6) Universala paco. 7) Higieno kaj kuracado sen kuraciloj. 8) Kooperativismo. 9) Adresa fako (por personoj, dezirantaj, sen pere interkorespondadi) kaj ĉiuj aliaj elmontroj de uniiĝo. La unua numero de nia revuo, estos senpage sendita al ĉiuj dezirontaj. Ni petas ĉiujn samideanojn senprokraste respondi nian alvokon. La leteroj devas esti sendataj laŭ la adreso. Al profesoro D. T. Kacarov, Sofia, Botev, 13, *Bulgarujo.*

---

## Internacia studenta kongreso en Krakovo 1912.

Universala organizajo de la studentoj *Ĉiostudenta Asocio* kunvokas ĉiujn studentojn, junulojn kaj amikojn de la studentaro al studenta kongreso en Krakovo dum 11—18a septembro 1912. Tiu kongreso ne estos nur manifestacio de junaj homoj por Esperanto, sed precipe labora kunveno, kies tasko estos decidi *difinitive* gravan demandon pri sola, centra, tutmonda organizajo studenta. Ĉar multe da studentoj intencas viziti Krakovon, estas espereble, ke la kongreso havos bonan sukceson kaj plene atingos sian celon. Sed pro preciza elplenumo de preparlaboroj estas tamen necesse scii la proksimuman nombron de la ĉeestontoj. Do, ĉiuj gestudentoj kaj gejunuloj, vizitontaj Krakovon, bonvolu afable tuj sciigi tion al ĝeneralsekretario de Ĉiostudenta Asocio S-ro *Joza Mareŝ* en *Luhaĉovice* (Moravio—Aŭstrio)! Paroladontoj sciigu la temon de sia respektiva parolado aŭ sendu antaŭe proponojn al la sama adreso. Oni serĉas paroladontojn por la jenaj temoj: 1. La plej praktika organizo de la studentoj-esperantistoj. 2. Kiel organizi la progreseman junula-

ron? 3. „Corda Fratres" kaj diversaj studentaj organizajoj neesperantistaj. 4. Propagando de tendencoj tuthomaraj inter junularo.

Ĉiostudenta Asocio varme petas ĉiujn gekolegojn por afabla sendado de informoj pri ĝisnunaj organizajoj studentaj esperantaj aŭ naciaj (eĉ jam mortintaj). Nome bonvolu sendadi ĉiujn gravajn dokumentojn, ekzemple: Enskribo de historio de la societo, nomaro do la societo, nomaro de la fondintoj kaj komitatanoj, regularoj, proklamoj, legitimajoj, specimenoj de oficialaj presaĵoj, studentaj gazetoj k. s. Oni atentigas, ke ankaŭ nacilingvaj presajoj estas dankeme akceptataj. Se baldaŭ estos kolektita la necesa materialo, nome la informaj artikoloj, eldonos Ĉiostudenta Asocio ankoraŭ antaŭ la kongreso praktikan libreton, informantan pri la studentaj organizajoj en la tuta mondo. Tiu libro estus disdonata inter ĉiuj ĉeestantoj da la studentkongreso.

Sed tiu laboro efektiviĝos nur tiam, se ĉiunacia studentaro kunhelpos. Do, skribu, aliĝu kaj sendadu tuj!! Decidojn kaj detalojn pri la kongreso publikigos Ĉiostudenta Asocio en sia oficiala organo, monatrevuo *Gestudentaj Interesoj* kaj en ĉiuj pli gravaj gazetoj esperantaj.

Ĉiostudenta Asocio jam aldonis grandformatan, riĉe ilustritan gvidlibron tra Krakovo; ĝi estas ricevebla por 2 respondkuponoj (aŭ samvalore eĉ naciajn poŝtmarkojn!) ĉe la sekretario. Por ĉiuj informoj oni skribu al la sekretario, sed aldonu unu respondkuponon por respondo. Tuj aliĝu!

En la nomo de *Ĉiostudenta Asocio*:

*Luis Carlos*, Paris, prezidanto.

*Arno Kundera*, Praha, vicprezidanto.

*Joza Mareŝ*, Luhaĉovice, sekretario.

*Ed. Zatecki*, Krakovo, kasisto.

*Rim.* Aliaj gazetoj estas **tre petataj** represi tiun ĉi proklamon! Studentoj, traduku ĝin por naciaj gazetoj!

**Vojaĝstipendioj por studentoj.**

*Ĉiostudenta Asocio*, ĝis nun unu sola studenta organizajo internacia, publikigos baldaŭ 2—3 vojaĝstipendiojn por studentoj. La stipendio devas esti uzita nur por propaganda vojaĝo tra fremdaj landoj. La postulantoj sciigu la jenajn informojn: 1. Precizan adreson. 2. Aĝon kaj studon. 3. Direkton de proponata vojaĝo (lando — urboj). 4. Tempon (proksimume). 5. Proksimuman sumon da spesmiloj. Unu respektiva stipendio ne estos pli granda ol 50—100 Sm. Dum la pasinta jaro oni donacis du stipendiojn (al Hungaro kaj Ĉeĥo) sume 150 Sm. Petoj oni sendu (aldonante 1 respondkuponon aŭ samvalore eĉ naciajn poŝtmarkojn por respondo) kiel eble plej baldaŭ al adreso:

**Esperanto—Luhaĉovice** (*Aŭstrio — Moravio*).

Petoj sen respondkupono estos ne respondataj. La aliaj gazetoj estas tre petataj pri represo.

# Oka Universala Kongreso Esperantista.

## 11—18 aŭgusto 1912.

La kongresa programo fariĝas ĉiam pli riĉa kaj abunda. Al la teatraĵoj, kiujn mi citis en la antaŭa artikolo, aliĝas nun prezentado de la opero „*Halka*", kiu estos ludata dum la Kongreso. En tiu rilato oni povas kompari la Okan kun la Kvara. En Dresden oni unuafoje prezentis al la esperantistaro dramon, kies rolojn ludis profesiaj aktoroj, same en Krakovo la kongresanaro havos okazon, vidi la unuan operon en Esperanto, prezentotan de profesiaj geartistoj. La muziko de „*Halka*", la belegaj dancoj, la simpla kaj tamen kortuŝa agado certe postlasos daŭran impreson ĉe la ĉeestontaro.

La Organiza Komitato tiel zorgas pri la kongresanoj, ke ĝi eĉ ne forgesis pri tiuj el ili, kiuj apartenas al la katogorio de tabakfumantoj. Nome dank' al efika kunhelpo de la vigla grupo „Centra Viena Esperantejo", la imp. reĝa ĝenerala Tabak - Administracio en Wien konsentis prepari okaze de la Oka kelkajn specoj de cigaroj kaj cigaredoj, kiuj estos enpakitaj en specialaj, belaj, lignaj skatoletoj, kiuj ekstere kaj interne estos provizitaj per vidaĵoj de Krakovo kaj Esperantaj surskriboj, rilantataj la Kongreson. La cigaroj estos vendataj en la Akceptejo.

Tiu ŝajne malgrava sukceso de Esperanto estas tamen atendinda, ĉar ĝi montras, ke nia movado trovis aprobon ĉe oficiaja registara institucio.

La Sepa estis la unua, dum kiu kinematografa entrepreno faris bildojn, kiuj reprezentas kelkajn el la kongresaj scenoj. Tamen bedaŭrinde la nombro de la biidoj estis tro malgranda. La Organiza Komitato de la Oka sukcesis atingi en tiu rilato veran rekordon.

Nome la fame konata firmo Pathé Frères sendos al Krakovo specialan aparatiston, kiu dum la tuta kongresa semajno fotografos ĉiujn pli gravaj scenojn de la Oka, tiel ke la filmoj reproduktos kvazaŭ „historion" de la jubilea Kongreso. Ĉiun pli gravan okazontajon „eternigos" la kinematografo. La elspezojn, ligitajn kun tiu aranĝo, pagos la imp. reĝa ministerio por publikaj laboroj.

Tiun fakton oni devas konvene taksi, ĉar ja la Kongresaj filmoj migros en la tutan mondon kaj faros al nia movado certe pli grandan propagandon, ol dekoj de aliaj reklamiloj, kiujn oni klopodas elpensi. Tamen ĉio homa devas havi sian „sed"... Tiu „sed" ne mankas ankaŭ en nia okazo. Nome, se la jubilea Kongreso ne estus sufiĉe multenombra, la kinematografaj bildoj ne havus ĉe la neesperantista publiko grandan efikon. Eble tiu propagandilo havus tute kontraŭan efikon, ol ĝi efektive celis. Al la ekstera publiko imponas ĉiam la nombro; se do sur la bildo, prezentanta ekz. la inaŭguracian kunsidon de la Kongreso, estus videbla nur tuta negranda aro da patroprenantoj, la rigardantoj certe ne estus konvikitaj pri la „potenca" disvastiĝo de Esperanto, kiel ĉiam „asertas ĝiaj adeptoj, des pli, ke la filmoj prezentos ja scenojn el Kongreso, okazinta en la jubilea jaro de nia movado. Tion la esperanistaro ne forgesu! La oka devas esti bona okazo, por montri al la tuta mondo nian forton. Ĉiu, kiu povas veni Krakovon, ne hezitu aliĝi, ĉar estas malofta okazo, kiun oni devas bone uzi por propagandi nian aferon en la tuta mondo.

Tiuj, kiuj aliĝos sufiĉe frue, povos profiti la fervojan rabaton, kiu konsiderinde malaltigos la alkongresan vojaĝon. La rabatiloj estas jam pretaj kaj dissendataj al ĉiuj aliĝintoj. Personoj, kiuj intencas ĉeesti la Okan, bonvolu ne prokrastadi sian aliĝon, ĉar se ili avizos sian patoprenon nur en la lasta momento t. e. en Krakovo mem, ili kompreneble ne povos profiti la rabaton. *Napoleono.*

el „Germana Esperantisto".

---

# Fakty.

**W sferach urzędowych.**

— Podsekretarz Urzędu Francuskich Poczt i Telegrafu, p. Chaumet zaakceptował inicjatywę założycieli Stow. Esperanckiego Poczty i Telegrafów i przyjął honorowy protektorat nad Stowarzyszeniem.

— Mer miasta Bordeaux przyjął ofiarowany mu tytuł Prezesa honorowego III Kongresu Federacji Esper. Poł.-Zach., który odbył się niedawno w Bordeaux.

— Między członkami Komitetu Opieki nad V Kongresem Esperantystów Federacji Burgundzkiej i depertamentu Jura, znajdujemy nazwisko p. J. Godard'a, deputowanego z Ljonu.

— Mer XIII kwartału Paryża przyjął krzesło prezydjalne nowej Sekcji esperantystów tejże dzielnicy.

— Wice Król Irlandji przyjął Najwyższy Protektorat nad V Kongresem Narodowym Esperantystów angielskich.

— Rektor Uniwersytetu Królewskiego w Dublinie przyjął godność członka komitetu tegoż kongresu.

— Pułkownik I. Pollen przedstawił Angielskiemu Ministrowi Oświaty Publicznej sprawozdanie z VII Kongresu Esperantystów w Antwerpji.

— Gubernator Gwadelupy zezwolił na otwarcie publicznych kursów Esperanta.

— Cyrkularz rozesłany przez Tureckie Tow. Czerwonego Półksiężyca w kwestji rekrutowania ochotników na wojnę Włosko-Turecką wspomina, że pożądaną jest znajomość języków obcych a zwłaszcza francuskiego i Esperanta.

— W *Illustrirtes Wiener Extrablat, Nr. 120* z d. 3/V 1912 r. obok fotografji grupy oficerów esperantystów podano następującą wiadomość: „Za przykładem armji francuskiej austryjackie władze wojskowe w Wiedniu zadecydowały zorganizować specjalny kurs Esperanta dla oficerów". Na kurs ten, prowadzony przez intendenta armji p. Lechuna, uczęszcza 38 wojskowych różnych stopni.

**Klucz jęz. europejskich.**

Nooth China Daily News donoszą, że p. Liu, członek Stow. Esp. w Chinach, wykazał na konferencyi o Esp. i jego korzyściach, że dla Chińczyków język pomocniczy jest doskonałym kluczem do nauki języków europejskich, i że dzięki znajomości tegoż daleko łatwiejszą jest nauka angielskiego. Wynikiem tej konferencyi było oświadczenie Instytutu Międzynarodowego w Shanghai, iż uznaje on naukę Esperanta za pożyteczną i że stosować

go będzie w swojej korespondencji z krajami, gdzie nie używają angielskiego. Otworzono kursy Esperanta dla Chińczyków i cudzoziemców.

**Esperanto i jiu jitsu.**

Przytoczymy tu wyjątek z listu p. Vasa Zarasewić, dyrektora policji w Belgradzie do jednego z jego kolegów z policji paryskiej: „Nie mogę zamilczeć o przysłudze jaką oddał Esperanto agentom z Belgradu. Pewien esperantysta niemiecki, podróżujący po Serbji, zatrzymał się w Belgradzie, gdzie był podejmowany przez Tow. Esp. Serbskich. Ponieważ ów „samideano" znał doskonale metodę jiu-jitsu, którą się posługuje policja wielu państw (oprócz belgradzkiej, gdzie ją znają tylko z nazwy) prosiłem uprzejmego esperantysty aby zechciał zaznajomić urzędników policyjnych z nowym sposobem samoobrony.

Przyjął moją propozycję chętnie i przed zebranymi ajentami, żandarmami i dedektywami miał wykład po esperancku o sposobach jiu-jitsu.

## Diversaĵoj.

*Gazeto parolata.* — Depost duonjaro la New-Jorkanoj posedas telefonan gazeton. La entrepreno akceptita komence kun moko kaj malkonfido, la „Telephone Herald" ĉe la publiko proporcie rapide sin altrudis. Jam post malmultaj semajnoj la gazeto havis 2.500 abonantojn kiuj pagis pomonate 3 Sm. La redaktejo apenaŭ diferencas de aliaj gazetredaktejoj; anstataŭ presejo ĝi havas simplan ĉambron kie staras telefona aparato de aparta konstruo, kiu severe estas kaŝata. Ĉarper tiu aparato oni povas paroli nur en unu direkto, nur la redaktejo kapablas, kaj la abonanto, kiu hejme apogita en balancoseĝo aŭskultas kun la aŭdilo ĉe la orelo la plej novajn sciigojn, ne povas fari demandojn aŭ peti la redaktoron ke li ripetu novaĵon malbone komprenitan. La gazeto ellaboris precizan tagprogramon, por ke la abonanto nur tiam bezonu preni la aŭdilon, se estas transigotaj sciigoj por li speciale interesaj. Precize je la oka matene oni donas la ĝustan tempon astronomian. De la oka ĝis la naŭa oni legas la novajn veteprognozojn, la alvenintajn noktotelegramojn, la notojn de la Borso Londona kaj la novaĵojn aparte interesajn le la gazetoj. De la 9-a ĝis 3/4 10-a horo la aŭdilo apartenas al la mastrino: Disvendoj, plezuraĵoj, societaj okazintaĵoj 9 h. 45 ĝis la 10-a: Personaj kaj malgrandaj notoj. 10-a ĝis 11 h. 30 New-Jorkaj borsokursoj kaj foirraportoj. 1/2 12 ĝis la 12-a: Lokaj novaĵoj kaj miksaĵo. Je la 12-a., oni denove donas precizan astronomian tempon kaj ĝis 1/2 1 sekvasla telegramoj plej novaj, militaj, ŝiparaj kaj parlamentaj raportoj 1/2 1-a: Kursoj de la tagmezo Borso New-Jorka. De 1-a. 2-a. oni koncize ripetas la novaĵojn plej interesajn de la tuta antaŭtagmezo. 2-a 2,15. Plej novaj kablo—telegramoj el Europo, 2,15-2,30. Miksaĵo el Washington. 2,30-2,45 Modonovaĵoj kaj avizoj por la mastrino. 2,45-3,15: Sciigoj pri sporto kaj teatro 3,15-3,30: Finkursoj de la New-Jorka. Borso 3,30-5a.: Avizoj pri muziko kaj paroladoj. 5-a-6-a: Felietono: oni laŭte legas skizojn, novelojn, poemojn kaj fabelojn por infanoj. Vespere je la 8-a, ĝis 1/2 11 la abonanto povas ĝui distingan vesperdistraĵon, la aŭdilo perigas al li kamermuzikon, kantaĵojn, recitaĵojn, sololudojn de violono kaj violonĉelo, ariojn kaj duetojn el konataj operoj. La redakistoj aŭ pli bone parolistoj, kiuj perigas la sciigojn estas per-

*Krakovo. Tipo de vilaĝanino.*

fektigitaj kiel recitadartistoj. Ilia dejoro estas malfacila, ili parolas nur 15 minutojn kaj tiam estas anstataŭataj por trikvaronhoro. — El *Berliner Volkszeitung.*

**Reformo de la Kalendaro** — Oni scias, ke la Internacia Kongreso de la Komercaj Ĉambroj (Londono 1910) decidis insisti la reformon de la Gregoriana Kalendaro kaj la fiksadon de la kristana paskofesto. La svisa registaro akceptis la taskon kolekti la diversajn projekton, kaj poste kunvoki internacian diplomatan konferencon por la enkonduko de rekomendindaj kaj vere praktikaj reformoj kaj simpligoj de la nuna kalendaro. En la daŭro de malmultaj monatoj alvenis en la federalan palacon en Berno 28 diversaj projektoj pli malpli praktikaj, el ĉiuj mondpartoj. Sed plej interesa por ni estas la fakto, ke 12 (dekdu) el tiuj proponoj estas redaktitaj en Esperanto, dum la 16 aliaj estas skribitaj en 7 diversaj lingvoj!

Ĉar ankoraŭ nun, kaj ĝis la kunveno de la diplomata konferenco, novaj projektoj estas akceptaj, estas dezirinde, ke kiel eble plej multaj estu redaktataj en Esperanto. Ĉiuj Esperantataj gazetoj bonvolu publikigi ĉi tiun alvokon, kaj ĉiuj legantoj informu eventualajn interesulojn, por ke ili sendu siajn projektojn nur en la helplingvo Esperanto, kiu estas akceptata de la svisa registaro kiel la naciaj lingvoj. Tio multe plisimpligos la preparojn por la nomita konferenco. La leteroj povas esti adresataj en Esperanto jene: Al la Federala Konsilistaro (Conseil fédéral), Palaco federala, *Berno* (Svislando).

— El *Oficiala Gazeto.*

## Korespondajo.

**Łódź.** Dum laste okazinta eksterordinara ĝenerala kunveno de nia Filio ni elektis du novajn membrojn de la estraro, anstataŭ eksiĝintaj S-roj T. Tugenthold, vicprezidanto kaj L. Szymański, bibliotekisto, — kaj nome- kiel vicprezidanton — D-ron A. Goldenberg, kiel bibliotekiston — S-ron Włodz. Pfeiffer.

Sekvis priponita ankaŭ la projekto pri la Centra Organizo. La ĉeestintaj esprimiĝis kontraŭ la dirita projekto kaj kiel delegiton kontraŭbatalontan ĝin-oni elektis S-ron Stan. Braun.

Dum ferioj forveturis Varsovion por konstanta restado tri samideanoj, nome: S-ro L. Szymański, eksbibliotekisto de nia Filio, S-ro Stan. Rymarkiewicz kaj S-ro Wład. Kupisz. Al la sincere bedaŭrataj samideanoj ni deziras sukceson en nova loko kaj esperas, ke ankaŭ tie ili kun sama fervoro laboros por nia afero.

La 22-an de Junio okazis edziĝa festo de nia samideanino, fraŭlino Mada Prym kaj S-ro Benjamin Turski. Al la juna paro ni deziras daŭran feliĉon.

*F.*

## Bibliografio.

**Marcelle Fauvart-Bastoul.** Cours élémentaire pour apprendre l' Esperanto sans professeur. Paris. Librairie Hachette et C-ie. 1912. Paĝoj 143. Prezo Fr. 1,50.

La aŭtoro de diversaj esperantaj lernolibroj por Francoj kaj ĉefa kunlaborinto de la plena vortaro Esperanto-Esperanta kaj Esperanto-Franca, publikigis nun novan bonegan lernolibron, kurson por memlernantoj. La dekunu lecionoj, el kiuj konsistas la verko, permesas al francaj samideanoj, loĝantaj for de esperantistaj centroj, kaj ne povantaj partopreni en esperanta kurso. lerni facile kaj perfekte nian ligvon laŭ la simpla kaj klara metodo de s-o Fauvart-Bastoul. Ĉiuj vortoj troviĝintaj en la kurso estas ĉerpitaj el la Fundamento. En la fino de libro ni trovas listojn de radikoj substantivaj, adjektivaj, verbaj, krom tio, aparte en alfabeta ordo, la elementojn de Esperanto, kiuj apartenas al neniu al la nomitaj kategorioj. La antaŭparolon al tiu-ĉi rekomendinda libro verkis rektoro E. Boirac, la prezidanto de nia esperantista Akademio.

*A. G.*

**P. Stojan.** Rusa-Esperanta poŝa Vortareto. Eldoninto: I. Ivanov. St. Peterburgo, str. Furŝtadskaja, 32. loĝ. 10. 1912. Paĝoj 84.

En la antaŭparolo la aŭtoro klarigas, ke la signifojn de la radikoj li ne prenis el la Universala Vortaro, sed el la vortaroj de Boirac, Kabe, Verax kaj tiamaniere evitis la erarojn de la rusa parto de la Universala Vortaro (?). Interesaj estas la listoj 1-o) de la esperantaj vortoj samsignifaj kaj samsonaj kiel

la rusaj kaj 2-e) de vortoj samsonaj sed alisignifaj. En la libreto ni renkontis kelkajn tute novajn radikojn kaj derivajojn pri kies neceseco oni eble diskutos. *A. G.*

**Kroataj poeziajoj.** Kun literaturhistoria enkonduko de Mavro Ŝpicer. Propraĵo de l' aŭtoro. Zagreb (Kroatujo) 1912. Paĝoj 62. Prezo: 0,75 Sm. (1 Kor. 80 hel.).

Speciale valora estas la antaŭparolo al tiu-ĉi antologio. Sekvante la konsilon de l' poeto: „Kiu volas kompreni la poeton, tiu devas iri en liajn landojn", la aŭtoro prezentas al la leganto en mallonga, literatur—historia enkonduko sian landon kaj la civilizan progresadon de sia nacio. Ni do sciiĝas, kiel la kroata nacia poezio naskiĝas kun Marulić (1450 — 1524), kiel ĝi pro politikaj malhelpoj vegetis longe, por renaskiĝi en la komenco de l' deknaŭa centjaro kaj belege ekflori en la plej nova tempo. La aŭtoro kolektis antologion el 21 poetoj, sed bedaŭrinde li donis al ni nur ekzemplojn el la lirika poezio. Oni scias kiel grandegan rolon en la lirika poezio ludas la formo. Ne konante la originalojn, ni ne volas juĝi la tradukojn. Por montri la formon ni citas ekzemple unu versaĵon, kies senco laŭ nia opinio bezonus klarigon:



*Krakovo. La altaro skulptita de Wit Stwosz.*

Metamorfozo:

Funebre kantis viro sur montaro,
Maldolĉe ĝemis densa en arbaro.
Palaco lia estis stria branĉar' abia,
Kaj ripozaĵo estis molaĵo de l' herbokovraĵo.
La falkoj do kompatis la larmanton,
Kastelon oran portis la plendanton.
Feinaro tie donacis ĉie mirfortojn plie:
La viro leviĝis, nacio kuraĝiĝis, baldaŭe taĝiĝis.

(Ludjevit Gaj).

*A. G.*

**Lingvo Esperanto Internacia.**
The „Huddersfield" Collection of favourite Songs. Trom the „Tekstaro", (by kind permission of the British Esperanto Associationset to suitable Music). Aĉetebla ĉe: Sinjoro I. H. Fitton, 2, Stanley Street, Lindley, *Huddersfield*. Prezo: Sm. 0,16. paĝ. 24.

La aŭtoro donis al la verko nur anglan titolon, sed ni opinias, ke tiu-ĉi bela esperantista kantareto meritas disvastigon ne nur inter anglolingvaj samideanoj. La kolekto enhavas 15 kantojn, kun fortepiana akompanaĵo de la kantvoĉo, kaj ni trovas inter ili ŝatatajn anglajn popolkantojn lerte tradukitajn aŭ imititajn esperante. Ne mankas ankaŭ kiel № 1 nia himno esperantista, „La Espero", kantata laŭ la jam internacia muziko de barono de Ménil. La potencan muzikon de la batalema franca Marsejezo ni ankaŭ retrovas en la kantareto, sed kun originala esperantista pacema teksto. El la ceteraj kantoj ĉiu havas s'an propran parolan kaj melodian ĉarmon, do ili ĉiuj trovos certe resonon en la koroj de esperantistoj, kiuj alprenis la devizon de la poeto:

„Ekloĝu, kie kanto sonas,
Malbonaj homoj ĝin ne konas."

**La Biblio.**
Tria libro. Levidoj. El la originalo tradukis Dro L. L. Zamenhof. Esperanto Verkaro de d-o Zamenhof. Paris, Librairie Hachette et C-ie 79 Boulevard Saint-Germain. 1912. paĝoj 72. prezo Fr. 2.

Dro Zamenhof laboras senhalte kaj nelaciĝante por akceli la pretigon de la tuta grandega verko. Jen aperis la preta tria libro de Moseo. La kvara libro „Nombroj" estas presata dume en la Revuo, kiu en sia Junia numero donis la ĉapitron V-an. Dio, helpu al vi, kara majstro!

**Portu esperantan stelon!**

# Revuo de la Gazetoj.

(3|VI) **Monda Poŝto** (№ 5).

(3|VI) **Tutmonda Espero** (Majo).

(3|VI) **Lingvo Internacia** (Majo).

(4|VI) **Finna Esperantisto** (Majo).

(4|VI) **La Langue Internacionale** (Junio).

(4|VI) **Mitteilungen** (Junio).

(4|VI) **Esperanto** (20 Majo). — *Ni ne fanfaronu.* „...Serĉi lingvon logikan ankaŭ vane estas. Eĉ algebra signaro ne estas logika. Gravaj matematikistoj de kelkaj jaroj klopodas por starigi logistikan vortaron, en kiu pri logikeco nenio estus kritikebla. Teorie ĝi nun ekzistas; praktike neniu volas ĝin uzi. Eĉ, plej famaj sciencistoj, kiel S-ro H. Poincaré, opinias, ke ĝi utilus por nenio. Fakto, se lingvo estas vivanta, ĉefe se ĝi estas uzata de tre diversfakaj homoj, ĝi portas en si la postsignojn de ĉiuj mallogikaĵoj de la homa spirito. Akademiaj lingvistoj povas decidi ke tion ĉi oni nomos ĉi tiel, je la nomo de la logiko; la amaso de la uzantaj tamen decidos, pro tute neatenditaj fantaziaj motivoj, ke oni ĝin nomos alie. Antaŭ ĉio la uzantoj volas lingvon fluan, klaran kaj energian. Pro tio, multaj vortoj teorie bonaj, sed malbelsonaj, estas post multjara spertado mallongigitaj kaj poluritaj; frazoj laŭregule konstruitaj, sed pezaj, estas senigitaj de la senutila balasto. Tial, ĉar ni estas konvikitaj, ke uzado kondukos nin al malpli da logiko en nia lingvo, kaj ke nur uzado povos doni al ni lingvon fluparoleblan, samtempe energian kaj belsonan, ni ne penadu por enkonduki en ĝi vanan perfektecon. Ni ne imitu scienculon, kiu, demandita de veturigisto pri la distanco inter du urboj, respondus per milimetroj..." Th. Rousseau.

(4|VI) **Aŭstria Esperantisto** (Majo).

(4|VI) **The British Esperantist** (Junio).

(5|VI) **Bohema Revuo Esperantista** (Aprilo|Majo).

*Lingva klarigo al demandantoj.*

Vi plendas, ke ne ĉiuj esperantaj tekstoj estas same facile kompreneblaj kaj vi demandas pri la kaŭzo. Kaŭzo estas simpla: ne ĉiuj, kiuj uzas iun ajn lingvon, ĉu Esperanton, ĉu lingvon nacian, estas same bonaj stilistoj; krom tio estas multaj bedaŭrinde delogataj de la facileco de Esperanto kaj ili verkas (eĉ poemojn!) tuj, post kiam ili apenaŭ komencis kompreni la lingvon. Ili skribu sed ili ne rilatadu kun la presejo! Tio helpos ilin — ili lernos; tio helpos la ceteran esperantistaron — ĝi ne perdos sian konfidon je verkoj presitaj; tio helpos Esperanton — ĝi ne difektiĝos. Se la komencantoj tralegus almenaŭ kelke de verkoj de Zamenhof, ili vidus, kiel mirinde logika kaj sekve klara estas la pensmaniero en Esperanto kaj ili certe ne skribus tiel nekompreneble, kiel pli ol unu „ŝatas" fari. Tiaj aŭtoroj eble opinias, ke la lingvo (kaj ĉiuj alinaciaj legantoj) ekzistas sole por iliaj provoj lingvistikaj. Sekve la kulpo ne estas en la lingvo sed en la facilanimeco de tiuj, kiuj — ne ellerninte Esperanton — uzas ĝin en la presaĵoj malbone. La mondo esperantista ne toleru, ke tiamaniere estu minacata la pureco de nia literaturo kaj ĉiam kondamnu la verkojn kondamnindajn; plej multe povas servi en tiu ĉi afero la redakcioj, kies devo estas rifuzi artikolojn erarplenajn kaj laŭmerite kritiki la verkojn fuŝverkitajn. Kiu aŭtoro ne scias ankoraŭ la gramatikajn regulojn kaj eraras ĉe la uzado jen de kondicionalo, jen de akuzativo, de ablativo absoluta k. t. p., tiu certe ne estus eĉ per aludo konigata al la legantaro — se li tiel fuŝus sian nacilingvan literaturon.

(5|VI) **Esperanto Folket** (Majo).

Ĉiumonata organo esperanta por Svedujo, Red: Helsingborg;

Ni salutas reviviĝintan kolegon!

(5|VI) **Antaŭen** (Junio).

(6|VI) **Gestudentoj Interesoj** (№ 1|2).

(6|VI) **Germana Esperanto Gazeto** (2 Junio).

(6|VI) **La Revuo** (Junio).

Nia penado ne devas limiĝi je la sola literaturo. Ju pli ni laboros por glatigi nian lingvon kaj perfektiĝi pri ĝia uzado, des pli ĝi firmiĝos kaj sekuriĝos. Sed ni ne devas forgesi, ke literaturo ne estas la *ĉefa* celo de nia agado. Esperanto antaŭ ĉio estas kreita por faciligi ĉiujn interrilatojn inter la diversgentaj homoj; kaj la plej urĝaj aplikoj estas pri vojaĝo, komenco kaj scienco.

* * *

Niaj kontraŭuloj tro ofte ĉie ripetadas, ke Esperanto neniel taŭgas por scienca verkado, ke niaj klopodoj tiudirektaj malprosperis. Tio estas rekta mensogado; ne per rezonoj kaj paroloj, sed per faktoj kaj agoj ni devas respondi. Cetere ne mankas jam en nia riĉa literaturo belaj kaj gravaj sciencaj verkoj pri Scienco, esperante verkitaj. De la jam malproksima tempo, kiam niaj malnovaj samideanoj dekano Frederico Villareal el Lima kaj

profesoro Gruey aperigis la unuajn sciencajn verkojn en Esperanto, multaj laboroj pruvis la taŭgecon de nia lingvo por la scienco. Eble iam, se tio interesos niajn legantojn, mi povos pli plene trakti tiun temon kaj ĉi tie analizi la bibliografion de la sciencaj verkoj en Esperanto.

(7|VI) **La Ondo de Esperanto** (Junio).
(8|VI) **Le Travailleur Esperantiste** (Junio).
(9|VI) **Normanda Stelo** (Junio).
(9|VI) **Bulletin Officiel** (Junio).
(12|VI) **La Holanda Pioniro** (Junio).
(12|VI) **Paris Esperanto** (Junio).
(13|VI) **Franca Esperantisto** (Junio).
(13|VI) **Juna Esperantisto** (Junio).
(13|VI) **Esperanto** (5 Junio).
(13|VI) **Esperanto** (5 Junio).
(15|VI) **Kataluna Esperantisto** (Junio).
(15|VI) **Der-Esperanto Kamerad** (Aprilo|Majo). Hektografiita revuo, organo de Junula grupo en Kiel.
(16|VI) **Oficiala Gazeto** (25 Majo).
(16|VI) **Greklingva Esperantisto** (Majo).
(19|VI) **Germana Katoliko** (Junio).
(19|VI) **Germana Esperanto-Gazeto** (9 kaj 6 Junio)
(19|VI) **Nederlanda Katoliko** (Junio).
(20|VI) **Espero Katolika** (Junio).
(22|VI) **Kovno Esperanto** (Junio).
(22|VI) **Flugila Plumo** (№ 4).

Monata Gazeto por Esperanto-Stenografio laŭ la sistemo Stolze-Schrey. Jarabono—1 Sm. Magdeburg, Red. E. Stark.

(22|VI) **Le Phare Sténographique** (Junio).
(22|VI) **La Kulturo** (Junio).
(25|VI) **Esperanto** (20 Junio).

Tuta interesega nro dediĉita al Jubileo de Esperanto.

(25|VI) **Danubo** (Majo).
(27|VI) **La Langue Internationale** (Julio).
(27|VI) **Lingvo Internacia** (Junio).
(27|VI) **Antaŭen Esperantistoj!** (Decembro). Malfruiĝita 6 monatojn!
(27|VI) **Amerika Esperantisto** (Junio).
(28|VI) **Le Monde Espérantiste** (Junio).
(1|VI) **Antaŭen** (Julio).
(1|VI) **Greklingva Esperantisto** (Junio|Julio).
(1|VI) **Germana Esperanto-Gazeta** (30 Junio).

# A V I Z O J.

## Samideanoj!

Profitu la okazon de proksimeco de la Kongreso kaj *nepre* veturu Krakovon!

* * *

Kune kun Via kongresa aliĝilo Vi sendu tuj vian vizit-formatan fotografaĵon kaj 2 Sm., kiel antaŭpagon por la albumo.

* * *

Kun ĉi-tiu n-ro ni dissendas unuan senpagan aldonon „La Neĝo“. Por ne-abonantoj ĝia prezo estas 0.50 Sm.

* * *

Niaj abonantoj bonvolu pardoni al ni ioman malfruiĝon de julia n-ro; la kaŭzo estas — antaŭkongresaj laboroj kaj pretigado de la Jubilea n-ro.



Redaktor-Wydawca Eldonanto-Direktoro Jan Günther. Tel. 204-60. Sekretarz Sekretario M. Czerwiński.

Presejo: L. Boguslawski, Varsovio S o Krzyska 11, tel. 195-52.

# Kompletna gramatyka języka Esperanto.

## a) Alfabet.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| A a, | B b, | C c, | Ĉ ĉ, | D d, | E e, |
| a | b | c | cz | d | e |
| F f, | G g, | Ĝ ĝ, | H h, | Ĥ ĥ, | I i, |
| f | g | dż | h | ch | i |
| J j, | Ĵ ĵ, | K k, | L l, | M m, | N n, |
| j | ż | k | l | m | n |
| O o, | P p, | R r, | S s, | Ŝ ŝ, | T t, |
| o | p | r | s | sz | t |
| U u, | Ŭ ŭ, | V v, | Z z. | | |
| u | u (krótkie) | w | z | | |

## b) Części mowy.

1) **Przedimek** jest tylko określny: **la**, wspólny dla wszystkich rodzajów, przypadków i liczb; nieokreślonego niema.

Przykłady: **la** *homo* człowiek, **la** *stelo* gwiazda, **la** *maro* morze, **la** *libro* książka.

2) **Rzeczownik** kończy się zawsze na **o**.

Dla utworzenia liczby mnogiej dodaje się końcówka **j**.

Przykłady: *homo***j** ludzie, *stelo***j** gwiazdy, *maro***j** morza.

Przypadków jest dwa: mianownik (przypadek pierwszy, nominativus) i biernik (przypadek czwarty, accusativus); ten drugi powstaje z mianownika przez dodanie zakończenia **n**.

Resztę przypadków oddaje się za pomocą przyimków: *de* (od), *al* (do), *kun* (z), *per* (przez), lub innych przyimków, odpowiednio do znaczenia.

Przykłady: *patro* ojciec, *al patro* ojcu, *patron* ojca (biernik liczby pojedyńczej), *por patroj* dla ojców, *patrojn* ojców (biernik liczby mnogiej).

3) **Przymiotnik** kończy się zawsze na **a**.

Przykłady: *kara patro* drogi ojciec, *kara patrino* droga matka, *kara infano* drogie dziecię.

Przypadki i liczby są te same, co dla rzeczownika.

Przykłady: *bona***n** *patro***n** dobrego ojca; *juna***n** *patrino***n** młodą matkę (bierniki liczby pojedyńczej), *kera***j** *homo***j** świętli ludzie, *hela***j** *stelo***j** jasne gwiazdy (mianowniki liczby mnogiej), *vi vidis bela***jn** *teatro***jn** widzieliście piękne teatry (biernik liczby mnogiej).

Stopień wyższy tworzy się przez dodanie wyrazu **pli** (więcej), a najwyższy przez dodanie **plej** (najwięcej); wyraz **niż** tłomaczy się przez **ol**.

Przykłady: *Pli blanka ol neĝo* bielszy niż śnieg, *plej pura akvo* najczystsza woda.

4) Liczebniki główne nie odmieniają się: *unu* (1), *du* (2), *tri* (3), *kvar* (4), *kvin* (5), *ses* (6), *sep* (7), *ok* (8), *naŭ* (9), *dek* (10), *cent* (100), *mil* (1000). Dziesiątki i setki tworzą się przez proste połączenie liczebników.

Dla utworzenia liczebników porządkowych dodaje się końcówka przymiotnika. Np. *unu***a** pierwszy, *du***a** drugi i t. d.

Dla wielorakich — przyrostek **obl**; *tri***obla** potrójny.

Dla ułamkowych — **on**; *du***ono** połowa, *kvar***ono** ćwierć.

Dla zbiorowych — **op**; *kvar***ope** we czworo.

Dla podziałowych — wyraz **po**; *po kvin* po pięć.

Prócz tego mogą być liczebniki rzeczowne (*unu***o** jedynka, *du***o** dwójka, *cent***o** setka) i przysłówkowe (*unu***e** po pierwsze, *du***e** powtóre i t. d.).

Przykłady: *Kvincent tridek tri* (533), *du mil kvarcent sesdek du* (2462).

5) **Zaimki** osobiste: *mi* ja, *ci* ty, *li* on, *ŝi* ona, *ĝi* ono (o rzeczy lub zwierzęciu — używa się tylko w liczbie pojedyńczej); *ni* my, *vi* wy (ty), *si* siebie, *ili* oni, one, *oni* zaimek nieosobisty liczby mnogiej.

Zaimki dzierżawcze tworzą się przez dodanie końcówki przymiotnika.

Przykłady: *mi***a** mój, moja, moje, *vi***a** wasz, wasza, wasze.

Zaimki odmieniają się, jak rzeczowniki.

Przykłady: *mi***n** mnie (biernik liczby pojedyńczej), *mi***aj** moi, moje (mianownik liczby mnogiej), *si***ajn** swoich (biernik liczby mnogiej).

6) **Czasownik** nie odmienia się przez osoby i liczby. (Np. *mi faras* ja czynię, *la patro faras* ojciec czyni, *ili faras* oni czynią).

Formy czasownika (końcówki:

a) Tryb bezokoliczny ma zakończenie **i** (*fari* czynić).

b) Czas teraźniejszy — **as** (Np. *mi faras* ja czynię).

c) Czas przeszły — **is** (*li faris* on czynił).

d) Czas przyszły — **os** (*ili faros* oni uczynią).

e) Tryb warunkowy — **us** (*ŝi farus* ona uczyniłaby).

f) Tryb rozkazujący — **u** (*faru* czyń, czyńcie).

**Imiesłowy (odmienne i nieodmienne).**

a) Imiesłów czynny czasu teraźniejszego — **ant** (*far***ant***a* czyniący, *far***ant***e* czyniąc).

b) Imiesłów czynny czasu przeszłego — **int** (*far***int***a* który uczynił).

c) Imiesłów czynny czasu przyszłego — **ont** (*far***ont***a* który uczyni).

d) Imiesłów bierny czasu teraźniejszego — **at** (*far***at***a* czyniony).

e) Imiesłów bierny czasu przeszłego — **it** (*far***it***a* uczyniony).

f) Imiesłów bierny czasu przyszłego — **ot** (*far***ot***a* mający być uczyniony).

Wszystkie formy strony biernej tworzą się za pomocą odpowiedniej formy słowa *esti* (być i imiesłowu biernego danego słowa; używa się przytem przyimka *de* (np. *Ŝi estas amata de ĉiuj* — ona jest kochana przez wszystkich).

7) **Przysłówki** mają zakończenie **e**.

Stopniowanie podobne jest do stopniowania przymiotników (np. *mia frato* **pli** *bone kantas ol mi* mój brat lepiej śpiewa niż ja).

8) **Przyimki** (*de*, *al*, *per*, *kur* i t. d.) rządzą wszystkie przypadkiem pierwszym.

## c) Prawidła ogólne.

9) Każdy wyraz czyta się tak jak się pisze.

10) Akcent pada zawsze na przedostatnią zgłoskę.

11) Wyrazy złożone tworzą się przez proste połączenie wyrazów (główny na końcu). Końcówki gramatyczne uważane są za wyrazy samoistne (np. *vaporŝipo* parostatek — z *vapor'* para, *ŝip'* okręt, *o* końcówka rzeczownika).

12) Przy innym przeczącym wyrazie opuszcza się przysłówek przeczący *ne* (np. *mi neniam vidis* — nigdy nie widziałem).

13) Na pytanie dokąd wyrazy przybierają końcówkę biernika, np. *tie* tam (w tamtem miejscu), *tien* tam (do tamtego miejsca) *Varsovion* do Warszawy.

14) Każdy przyimek ma określone, stałe znaczenie; jeżeli należy użyć przyimka w wypadkach, gdzie wybór jego nie wypływa z natury rzeczy, używany bywa przyimek **je**, który nie ma samo-

istego znaczenia (np. *ĝoji je tio* cieszyć się *z* tego; *malsana je la okuloj* chory *na* oczy: *enuo je la patrujo* tęsknota *za* ojczyzną i t. p.). Jasność języka wcale wskutek tego nie szwankuje, albowiem w tym razie wszystkie języki używają jakiegokolwiek przyimka, byle go tylko zwyczaj uświecił; w języku zaś międzynarodowym sankcya we wszystkich podobnych wypadach nadana została *jednemu* tylko przyimkowi *je*. Zamiast przyimka *je* używać też można biernika bez przyimka tam, gdzie nie zachodzi obawa dwuznaczności.

15) Tak zwane wyrazy „cudzoziemskie" t. j. takie, które większość języków przyjęła z jednego obcego źródła, nie ulegają w języku międzynarodowym żadnej zmianie, lecz otrzymują tylko pisownię języka Esperanto; przy rozmaitych wszakże wyrazach jednego źródłosłowu, lepiej używać bez zmiany tylko wyrazu pierwotnego, a inne tworzyć według prawideł języka międzynarodowego (np. *teatro* — teatr, lecz teatralny — *teatra*).

16) Końcówkę rzeczownika i przedimka można opuścić i zastąpić apostrofem (np. *Vagner'* zam. *Vagnero*, *de l' mondo* zam. *de la mondo*).

## Słowa pochodne.

Z każdego pierwiastka w języku Esperanto można zgodnie z zasadami gramatycznemi i prawidłami formować sobie wiele wyrazów pochodnych. Dzięki temu słownik niezbędny do potocznej rozmowy, może być zredukowany do rozmiarów minimalnych. Ażeby z jednego wyrazu formować inne wyrazy, posiłkujemy się:

1) Końcówkami gramatycznemi, np.: *koleri* gniewać się, *kolero* gniew, *kolera* gniewny, *kolere* gniewnie, *mi koleras* gniewam się; *morti* umierać, *morto* śmierć, *morta* śmiertelny, *mortinto* nieboszczyk; *tuj* zaraz, *tuja* natychmiastowy; *paroli* mówić, *parolo* mowa, *parolanto* mówca i t. p.

2) Łączeniem słów; np.: *eniri* wchodzić (*en* w, *iri* chodzić), *eliri* wychodzić (*el* z, wy...), *aldoni* dodawać (*al* do *doni*, dawać); *ŝvitbanejo* łaźnia (*ŝviti* pocić się, *banejo* łazienka); *vaporŝipo* parostatek (*vapor'* para, *ŝip'* okręt).

3) Dodawaniem do pierwiastków prefiksów (przybranek) i sufiksów (przyrostków), które mają znaczenie oddzielnych słówek; każdy z nich ma swoje określone znaczenie i znajduje się w słowniku.

## PREFIKSY.

**mal** — oznacza wprost przeciwieństwo, np: *bona* dobry, *malbona* zły („nie dobry" tłómaczy się *ne bona*), *estimi* szanować, *malestimi* pogardzać, *bela* piękny, *malbela* brzydki, *beni* błogosławić, *malbeni* przeklinać.

**bo**—powinowactwo, np.: *patro* ojciec, *bopatro* teść, *bopatrino* teściowa, świekra, *frato* brat, *bofrato* szwagier, *filino* córka, *bofilino* synowa.

**ge** — dwoje osobników różnej płci, np.: *patro* ojciec, *gepatroj* rodzice, *mastro* gospodarz, *gemastroj* oboje gospodarstwo.

**ek**—początek lub krótkotrwałość, np.: *kanti* śpiewać, *ekkanti* zaśpiewać, *brili* błyszczeć, *ekbrili* błysnąć. (Porów. sufiks ad).

**re**—zwrot, powtórzenie, np.: *iri* iść, *reiri* wrócić, *doni* dać, *redoni* oddać, *reveni* powrócić.

**dis**—roz-, np.: *ĵeti* rzucić, *disĵeti* rozrzucić, *disdoni* rozdać.

## SUFIKSY.

**in**—oznacza rodzaj żeński, np.: *patro* ojciec, *patrino* matka, *frato* brat, *fratino* siostra, *koko* kogut, *kokino* kura, *bovo* wół, *bovino* krowa.

**id**—dziecię, potomek, np.. *hundo* pies, *hundido* szczenię, *koko* kogut, *kokido* kurczę, *bovido* cielę.

**vir**—oznacza płeć męzką, np.: *ĉevalo* koń, *ĉevalviro* ogier, wałach; *virhundo* pies, samiec.

**an**—członek, mieszkaniec, np.: *regno* państwo, *regnano* obywatel, *vilaĝo* wieś, *vilaĝano* wieśniak, *Varsoviano* Warszawianin.

**ul**—osoba z pewnym przymiotem, np.: *malsaĝa* głupi, *malsaĝulo* głupiec, *riĉa* bogaty, *riĉulo* bogacz.

**ist**—zajmujący się pracą, rzemiosłem, specyalnością, np.: *laboro* praca, *laboristo* robotnik, *boto* but, *botisto* szewc, *lavi* prać, *lavistino* praczka, *kuraci* leczyć, *kuracisto* lekarz, *ŝteli* kraść, *ŝtelisto* złodziej.

**estr** — zwierzchnik, np.: *ŝipo* okręt, *ŝipestro* kapitan okrętu, *regno* państwo, *regnestro* panujący.

**ar** — zbiór, np.: *arbo* drzewo, *arbaro* las, *ŝtupo* stopień, *ŝtuparo* schody, *vorto* wyraz, *vortaro* słownik, *militistaro* wojsko.

**er**—cząstka zbiorowej całości, np.: *sablo* piasek, *sablero* ziarnko piasku, *fajro* ogień, *fajrero* iskra.

**ec** — przymiot jako oddzielne pojęcie, np.: *bela* piękny, *beleco* piękność, *bona* dobry, *boneco* dobroć, *virino* kobieta, *virineco* kobiecość, *amiko* przyjaciel, *amikeco* przyjaźń.

**aj**—rzecz z określonym charakterem lub produkt z danego materyału, np.: *malnova* stary, *malnovaĵo* starzyzna, *fruktaĵo* coś zrobionego z owoców.

**il**—narzędzie, np.: *haki* rąbać, *hakilo* siekiera, *kudri* szyć, *kudrilo* igła, *tondi* strzydz, *tondilo* nożyce.

**ing** — przedmiot, służący do obsady innego przedmiotu, np.: *kandelo* świeca, *kandelingo* świecznik, *plumo* pióro, *plumingo* obsadka.

**uj**—rzecz zawierająca.., roślina wytwarzająca..., kraj, np.: *cigaro*, cygaro, *cigarujo* cygarnica, *pomo* jabłko, *pomujo* jabłoń, *polo* Polak, *Polujo* Polska.

**ej**—miejsce do pełnienia danej czynności, np.: *kuiri* gotować, *kuirejo* kuchnia, *preĝi* modlić się, *preĝejo* kościół, *lernejo* szkoła.

**et** — zdrobniałość lub zniżenie stopnia przedmiotu, np.: *monto* góra, *monteto* górka, wzgórek, *ridi* śmiać się, *rideti* uśmiechać się, *dormi* spać, *dormeti* drzemać.

**eg**—wzmożenie się co do wielkości lub co do natężenia, np.: *pordo* drzwi, *pordego* brama, *pluvo* deszcz, *pluvego* ulewa, *varma* ciepły, *varmega* gorący.

**ig**—czynić czem, jakiem, skłaniać do czego, np.: *pura* czysty, *purigi* czyścić, *morti* umierać, *mortigi* zabijać, *edziĝi* żenić.

**iĝ**—stawać się, np.: *pala* blady, *paliĝi* blednąć, *fianĉo* narzeczony, *fianĉiĝi* zaręczyć się, *al* do, *aliĝi* przyłączyć się.

**ind** — godzien, wart, np.: *kredi* wierzyć, *kredinda* wiarogodny *laŭdi* chwalić, *laŭdinda* godny pochwały, *memori* pamiętać, *memorinda* godny zapamiętania.

**ebl**—możliwy, np.: *fleksi* giąć, *fleksebla* giętki, *povi* módz, *povebla* możliwy.

**em**—skłonność, np.: *kredi* wierzyć, *kredema* łatwowierny, *ŝpari* oszczędzać, *ŝparema* oszczędny.

**ad**—częstotliwość lub trwanie, np.: *iri* iść, *iradi* chodzić, *esti* być, *estadi* bywać. (Porównaj: ek).

**ĉj**—zdrobniałe imiona własne męskie, np.: *Petro*, Piotr, *Peĉjo* Piotruś, *Jaĉjo* Jaś.

**nj**—zdrobniałe imiona własne żeńskie, np.: *Mario* Marya, *Manjo* Mania, *Helenjo* Helenka.

**um**—nie ma określonego znaczenia i używa się w tych razach, gdy inny sufiks niedość określiłby wyraz dany, np.: *plena* pełny, *plenumi* spełnić.

# LA TRIBUNO

Monata organo de U. S. U.

**Malkara! Enhavoricâ! Interesa!**

Studenta vivado — Scienco — Literaturo — Esperanta afero — Pedagogio — Neutrala diskuscjo. Organizo kaj movado studentaro.

Jar-abono 50 Sd.

Redakcio kaj Administracio:

Utiel (Valencia) Hispanujo.

# LINGVO INTERNACIA

(fondita en jaro 1895)

Centra organo de la Esperantistoj, elironta post la 15-de ĉiu monato.

Ĉiunumere 48 paĝoj Formato 13½ × 20½ cm.;

Jara abono: 5 fr. (Sm 2).

PRESA ESPERANTISTA SOCIETO

**33, rue Lecépède, Paris**

(Francujo).

# GERMANA ESPERANTO-GAZETO

estas eldonata en formo de ĉiusemajna revuo kun riĉa raporta kaj literatura enhavo kaj diversaj interesegaj aldonoj.

**Unua Regule Aperanta kaj plej ampleksa**

**ESPERANTISTA SEMAJNA GAZETO**

je plej malalta abonprezo en Germanujo rekte mendebla ĉe la poŝtoficejoj (N-ro 576 de la listo) por. M. 1.25 jarkvarone, eksterlanden por Sm. 4.00

Specimeno kontraŭ respondkupono.

Central Verlag für Esperanto, Magdeburg, Kajser-friedrich Str. 1.

# La unua revuo Esperantista por la junularo!

## JUNA ESPERANTISTO

Monata Gazeto ilustrata por Junuloj, Instruistoj kaj Esperanto-lernantoj.

En „Juna Esperantisto" troviĝas: diversaj rakontoj kaj noveloj por la junularo, fabeloj, poemoj, lingvaj ekzercoj, amuzaĵoj, problemoj, k. t. p.

**La jaran abonon: 2 fr. 50 (1 Sm) sendu al librejo** „Esperanto". Moskvo Tverskaja, 26.

# „LA ONDO DE ESPERANTO."

(laŭ la adreso: **Moskvo**, Rusujo, Tverskaja, 26).

Dum la IV-a jaro de sia regula fu kciado „La Ondo" **senpage** donos al siaj abonantoj, **krom 12 n-roj** (16—20 paĝaj) la speciale por tiu celo tradukitan de s-ino M. Ŝidlovskaja ĉefverkon de rusa literaturo:

## „Princo Serebrjanij" de Tolstoj."

(352 paĝa), grandformata librego, kies prezo por la neabonantoj estos afrankite Sm. 1,60).

Literat. konkursoj kun monpremioj. Portretoj de konataj Esperantistoj. Beletristiko origin. k. traduk. Plena kroniko. Bibliografio. Amuza fako. Koresp. tutmonda (postk. ilustr.) La abonpagon (**2 rubl.** = 2,120 Sm.) oni sendu al „Librejo Esperanto" (**26, Tverskaja, Moskvo, Rusujo**) aŭ al aliaj Esper. librejoj, poŝtmandate, respondkupone, papermone aŭ per bankĉekoj.

**Oni povas aboni pere de nia Administracio, Hoża 20.**

# OFICIALA

# Gazeto-Esperantista

Organo de la Lingua Komitato, de la Konstanta komitato de la Kongresoj kaj de la Internacia Konsilantaro

Formato 16½ × 25 cm.

Unu numero Sm. 0.200.

Jara abono: Sm. 2.—

Redakiejo kaj Administrejo:

51, rue de Clichy, Paris.

En Administracio de „Pola Esper."

estas aĉeteblaj

**Kolorig. Portretoj de nia Majstro**

D-ro L. L. Zamenhof

Sur poŝtkartoj laŭ originala verko de konata pentristo nia fervora samideano

**AUGUST MASKE.** Prezo 5 kop.

Al aĉetantoj de pligranda kvanto — rabato.

**!! BELEGAJ KAJ PERFEKTAJ !!**

**Kajonoj** Kun pintigilo kaj Magazeno el diverskolora **Galalito**

## „SAMIDEANO"

Ĉefreprezentanto k. vendanto por esperantistoj

**SOCIETO ESPERANTO EN KRAKÓW.**

Krajono — 50 Sd. Plumkrajono — 60 Sd.

Por Societoj k. vendistoj — rabato.

Druk L. Bogusławskiego, Ś-to Krzyzka 11, tel. 195-52.